# La Bulteneto

Numero 38 Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO



Gesandter Mag. Bernhard Faustenhammer (BM für Europa, Integration Äußeres), NHM Wien-Generaldirektor Dr. Christian Köberl, Juan Antonio Fernández Palacios (Botschafter von Kuba), Dr. Ludovic Ferrière (Chef-Kurator der Meteoritensammlung des NHM Wien)

© NHM Wien, Alice Schumacher



# La Bulteneto

Numero 38 • Jaro 2019

Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio.
esperanto@chello.at

Tekstoj en Esperanto: Walter, Renate kaj Stefan Klag

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$
Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono



Titolbildo:

Sendito mag. Bernhard Faustenhammer (Aŭstria Ministerio por Eŭropo, Integrado kaj Eksteraj Aferoj), d-ro Christian Köberl (ĝenerala direktoro de Naturhistoria Muzeo NHM en Vieno), Juan Antonio Fernández Palacios (ambasadoro de Kubo), d-ro Ludovic Ferrière (ĉefa kuratoro de la meteorita kolekto de NHM)






La tri fotoj montras la meteoriton, kiu falis la 1an de februaro 2019, je la 13a horo kaj 17 minutoj, proksime de la okcident-kuba urbo Vinjaleso (Viñales, 30 000 enloĝantoj).
© NHM Wien, Ludovic Ferrière

## Meteoroj kaj meteoritoj

La vorto „meteoro“ venas de la greka vorto μετέωρος (meteoros) kaj signifas „en la aero“. En la 15a jarcento oni opinias, ke la ĉielo estas dia kaj senŝanĝa kaj oni ne povis imagi, ke ŝtono povas fali el granda distanco sur la teron. „Meteoro“ estis tiam vorto ankaŭ por veteraj fenomenoj kiel pluvgutoj, nuboj kaj neĝflokoj. Hodiaŭ oni scias, ke meteorŝtonoj venas el la kosmo kaj veterfenomenoj apartenas al la atmosfero.

**Meteoroido** estas ĉiela korpo, kiu moviĝas tra la kosmo.
**Meteoro** estas luma fenomeno, kaŭzata de la renkontiĝo de meteoroido kun la atmosfero de la Tero. Tre hela meteoro nomiĝas bolido.
**Meteorito** (nomita ankaŭ aerŝtono, aerolito, meteorŝtono) estas natura minerala fragmento, postrestaĵo de meteoroido, falinta el la kosmo sur la Teron.
**Kometo** estas malgranda kosma korpo, ofte kun du „vostoj", unu el gaso, la alia el polvo.
Pri **impakto** oni parolas, se kosma objekto trafas la Teron.
Dum la lastaj jardekoj oni observis averaĝe kvin meteorit-falojn en la jaro.
Kvin elcentoj de la trovitaj meteoritoj konsistas el metaloj (ĉefe fero kaj nikelo), la aliaj el ŝtono. Jam en la Bronzepoko (2200 ĝis 800 antaŭ nia erao), antaŭ la Fera Epoko (en Mezeŭropo de la 8a jarcento antaŭ nia erao ĝis la 5a jarcento de nia erao), oni uzis feron el meteoritoj.
Detalajn informojn vi trovas en la paĝaro de Naturhistoria Muzeo en Vieno: https://www.nhm-wien.ac.at/
https://www.nhm-wien.ac.at/forschung/mineralogie__petrographie/sammlungen/meteoritensammlung

## Nova meteorito en Naturhistoria Muzeo NHM en Vieno

Tamburada bruo kaj intensa fulmado akompanis la falon de meteorito la 1an de februaro 2019, je la 13a horo, proksime de la okcident-kuba urbo Vinjaleso (Viñales). Supre de la urbo videblis fuma strio. La okulfrapa evento daŭris nur 20 sekundojn. Unue la observantoj kredis, ke aviadilo kraŝis. Poste ili komprenis, ke meteorito falis. Tuj oni komencis kolekti la fragmentojn. Oni trovis pli ol 100 kilogramojn da materialo. Kelkaj pecoj kuŝis sur tegmentoj, aliaj troviĝis profunde en la mola tero.

La Kuba Instituto por Geofiziko kaj Astronomio, la Ministerio por Scienco, Teknologio kaj Medio kaj la Kuba Asocio por Geologio disponigis kelkajn fragmentojn de la meteorito al la Naturhistoria Muzeo NHM en Vieno por scienca esplorado.
Ludovic Ferrière, la ĉefa kuratoro de la meteorita kolekto de NHM priskribas la novan akiraĵon: „Ĝi estas preskaŭ tute kovrita de nebrila brun-nigra fanda krusto, havas koran formon, kaj la maso estas 61 gramoj. Flanke ĝi estas rompita, tie oni vidas la helgrizan strukturon de la mineralo kaj ŝok-vejnojn. Laŭ la klasifiko la meteorito estas „ordinara kondrito L6". Kondroj estas kelkajn milimetrojn grandaj silikat-globetoj en la meteorito.
Christian Köberl, la ĝenerala direktoro de NHM kaj esploristo de impaktoj, dankis al la kuba ambasadoro Juan Antonio Fernández Palacios pro la valora donaco. Köberl: „Por NHM, kiu havas la plej grandan kaj plej malnovan kolekton de meteoritoj, la vinjalesa aerolito estas valora pliriĉigo de la kolekto."
La nova meteorito admireblas en la meteorita salonego numero 5 de NHM.

## Naturhistorisches Museum in Wien
## Meteoriten-Neuzugang aus Viñales, Kuba

Das Naturhistorische Museum Wien zeigt ab 1. Mai 2019 einen spektakulären Meteoriten-Neuzugang aus Viñales, Kuba
Begleitet von trommelnden Geräuschen und intensiven Blitzlichtern fiel am 1. Februar 2019 um 13:17 Uhr Ortszeit in der kubanischen Stadt Viñales ein Meteorit vom Himmel. Eine Rauchschwade war über der rund 27.000 Einwohner zählenden Stadt deutlich zu sehen, nach 20 Sekunden war das Spektakel vorbei. Die Menschen, die den Fall beobachtet hatten, gingen von einem Flugzeugabsturz aus. Als sie feststellten, dass es sich um einen Meteoritenschauer gehandelt hatte, zogen sie los, um Gesteine zu sammeln: Über 100 Kilogramm Material

wurde aufgesammelt, einige der Gesteinsbrocken wurden auf Dächern entdeckt, andere hatten sich tief in die Tabakfelder eingegraben.
Das kubanische Institut für Geophysik und Astronomie, das Ministerium für Wissenschaft, Technologie und Umwelt in Kuba sowie die kubanische Gesellschaft für Geologie freuen sich, dem Naturhistorischen Museum Wien Teile des Viñales Meteoriten für seine Schausammlung sowie zur wissenschaftlichen Untersuchung zur Verfügung zu stellen.
Ludovic Ferrière, Chef-Kurator der Meteoritensammlung des NHM Wien, beschreibt den Neuzugang in der Schausammlung folgendermaßen: „Es ist ein fast zur Gänze mit mattbraunschwarzer Schmelzkruste überzogener, etwas über 61 Gramm schwerer Stein von herzförmiger Gestalt. Ein kleiner seitlicher Anbruch zeigt eine hellgraue Matrix mit zahlreichen dünnen Schockadern."
Der Meteorit wurde als Gewöhnlicher Chondrit L6 klassifiziert: „Von den 68.500 anerkannten Meteoriten weltweit sind etwa 10.800 als Gewöhnliche Chondriten L6 klassifiziert. Unter ihnen sind nur 281 beobachtete Fälle verzeichnet, der Viñales-Meteorit miteingeschlossen", ergänzt Ferrière.

„Für das Naturhistorische Museum Wien, das die größte Meteoritenschausammlung der Welt beherbergt, die im internationalen Vergleich gleichzeitig die älteste und eine der zahlenmäßig größten Sammlungen überhaupt ist, ist der Viñales-Meteorit eine wertvolle Ergänzung", dankte Generaldirektor und Impaktforscher Christian Köberl dem Kubanischen Botschafter Juan Antonio Fernández Palacios für das wertvolle Gestein. Der Neuzugang ist im Meteoritensaal Nr. 5 des NHM Wien zu besichtigen.



# La renaskiĝo de la Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis proprajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.
Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.

La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto.
La originala valoro estis difinita kiel 4,2 steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa stelo, tiu ĉi stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en steloj variis inter 4,040 kaj 4,581.
La steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo. Daŭre uziĝas steloj dum ĉiu IJF (paske) kaj KKPS (aŭtune). Krome ili uziĝos dum la IJK 2020 en Nederlando.
La avantaĝoj de steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ steloj en la komenco de la renkontiĝo.
La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.

Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo
Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com

# La arĝenta speciala monero 100 Steloj 2018

## La kialo

La Esperanto-kulturo havas ne nur proprajn lingvon, literaturon, historion kaj muzikon, sed ankaŭ propran monon – almenaŭ simbolan: Iam la Spesmilon, nun la Stelon. Aktuale uziĝas plastaj Stelo-moneroj dum junularaj Esperanto-kongresoj.

Tia monero estas facile montrebla simbolo de la viveco de la Esperanto-lingvo. Monero aŭ medalo estas malmultekoste produktebla, facile transportebla kaj daŭripova.




## Klarigoj

La medalo en la formo de 100-Stela monero aperis okaze de la 150a naskiĝdatreveno de René de Saussure la 17an de marto 2018. Li estis la inventinto de la universala mono.

Limigita eldonkvanto: 1000. Ne okazos posta repregado.
Maso:  1 unco da arĝento 999/1000 (31,1 gramoj).
Oficiala atesto senkosta.
Pro la leĝa situacio en Aŭstrio la arĝentostampo estas 925.
Diametro: 37 mm. Surfaco: brila PP.

Liverado en originala plasta kapsulo de Münze Österreich AG (Moner-farejo Aŭstria AK).

Eldonisto: Mag. Walter Klag, Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio, esperanto@chello.at.

Dezajnistoj: Mag. Walter Klag kaj Mag. Helmut Andexlinger, la ĉefgravuristo de Münze Österreich.

Helmut Andexlinger gvidas ekde 2016 la gravuristan sekcion de Münze Österreich. En la aŭstria urbo Steyr li sukcese trapasis la gravuristan edukadon. Poste li studis komunikado-sciencon en la Viena Universitato. Unu el liaj plej grandaj sukcesoj estas la dezajno de la 2-Eŭra monero 2012, kiu cirkulas en 17 landoj – li gajnis en konkurso kontraŭ 800 aliaj partumantoj.

Produktisto:
Münze Österreich AG, Wien 3., Am Heumarkt 1, muenzeoesterreich.at.
Münze Österreich AG estas 100%-a filia kompanio de Aŭstria Nacia Banko.

Prezo 49 € plus sendokostoj.

Liverado post antaŭpago sur la konton de
Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien, Aŭstrio.
Bonvole skribu vian ekzaktan adreson (eventuale ankaŭ la numeron de la loĝejo) al esperanto@chello.at.

Se vi havas demandojn, bonvole skribu al esperanto@chello.at.

Pliaj bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

René de Saussure: https://eo.wikipedia.org/wiki/Ren%C3%A9_de_Saussure

Per la aĉeto vi subtenas la eldonon de pliaj moneroj. Ankaŭ donacoj bonvenas.




Unu el la dek oraj 25-stelaj moneroj,
numero 7, kiu vendiĝis pere de la aŭkcio.
Verŝajne temas pri la lasta ekzemplero de tiu raraĵo.

## Stelaro




Po 30 ekzempleroj de la 100 Steloj liveriĝis de Münze Österreich AG
sur tiaj pletoj.

# Esperanto-Numismatika Asocio

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la fakgrupo „Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo „Esperanta Numismatiko", probable la ununura tia fakgrupo en la historio de Esperanto.

La instiga fakto estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur kvar jaroj ĝis 82 individuaj membroj kaj 18 esperantaj organizaĵoj, bibliotekoj kaj muzeoj, dise en la mondo.

Agrable por ni kaj vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: „Mi konsentas aliĝi"). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn, 4 n-rojn jare.

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA. Se vi deziras kromajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be

Vi rajtas unue peti provnumeron! Vi decidos poste!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de „Esperanta Numismatiko"

# STELO-TABELO

| Nominalo | Materialo | Maso | Dia-metro | Jaro | Eldon-kvanto |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 Stelo | Bronzo | 3,4 g | 20 mm | 1959[1] | 5000 |
| 5 Steloj | Latuno | 5,0 g | 23 mm | 1959[1] | 5000 |
| 10 Steloj | Cu – Ni | 9,0 g | 28 mm | 1959[1] | 5000 |
| 25 Steloj | Cu-Ni 75-25 | 19 g | 37 mm | 1965 | 1000 |
| 25 Steloj | Ag 0,900 | 25 g | 37 mm | 1965 | 5000 |
| 25 Steloj | Au 0,983 | 50 g | 37 mm | 1965 | 10 |
| 1 Stelo | Plasto ruĝa | 0,8 g | 23 mm | 2012 | 3000 |
| 3 Steloj | Plasto flava | 0,9 g | 25 mm | 2012 | 3000 |
| 10 Steloj | Plasto verda | 1,3 g | 29 mm | 2012 | 3000 |
| 100 Steloj | Ag 0,999[2] | 31,1 g<br>1 unco | 37 mm | 2018[3] | 1000 |
| 50 Steloj[4] | Ag 0,999[2] | 15,6 g<br>½ unco | 34 mm? | | |
| 10 Steloj[4]<br>5 Steloj[4]<br>1 Stelo[4] | Nordia oro | 1 unco<br>½ unco<br>⅓ unco | 38 mm?<br>35 mm?<br>32 mm? | | |

Nordia oro estas ne oro, sed alojo el
89 % Cu, 5 % Al, 5 % Zn kaj 1 % Sn.
La 10-, 20- kaj 50-eŭrocendaj moneroj konsistas el nordia oro.
Ag = arĝento, Al = aluminio, Au = oro, Cu = kupro, Ni = nikelo, Sn = stano,
Zn = zinko, g = gramo.

Produktado de la plastaj Steloj: Stekelbees, Belgio.
Retpaĝo http://www.plastic-coins.com

[1] Pregitaj en la jaro 1960
[2] La monero konsistas 999/1000 el Ag, sed pro la leĝa situacio en Aŭstrio la Ag-stampo estas 925.
[3] Pregita en la jaro 2017
[4] Projektoj

# RENÉ DE SAUSSURE

## Der Erfinder des universellen Geldes

Am 17. März 1868 wurde René de Saussure in Genf geboren.
Nach dem Studium der Sprachwissenschaft und der Mathematik verfasste er sein wichtigstes Werk "Über die Wortbildung im Esperanto".
1907 publizierte René de Saussure das Projekt einer universellen Währung, die er "Spesmilo“ nannte. Aus dem französischen Wort "espèce" leitete er "speso" ab. Mil bedeutet 1000. 1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) = 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.




Diese Währung wurde offiziell von einigen britischen und Schweizer Banken verwendet.
Der Spesmilo (Sm) hatte den Wert von 0,733 g reinem Gold und konnte wegen der Goldbindung leicht in andere Währungen umgerechnet werden:
1 Sm = 2 Britische Schillinge = 1 Russischer Rubel = 0,5 US-Dollars = 2,5 Schweizer oder Französische Franken = 2,5 Spanische Peseten.
Die Münzen zu 1 und 2 Sm waren und sind bis heute begehrte Sammelobjekte und verschwanden daher schnell aus der Zirkulation. Seit 1919 hat der Spesmilo nur mehr numismatischen Wert.

1942 wurde in den Niederlanden die Universala Ligo gegründet. Diese Organisation trat für die internationale Verständigung und eine universelle Währung ein. Der Name dieser Währung ist Stelo (Esperanto: Stern; Mehrzahl Steloj). 1959 wurden Münzen zu 1, 5 und 10 Steloj geprägt, 1965 folgten drei Varianten einer 25-Steloj-Münze. Auch Papiergeld wurde herausgegeben. Die Steloj eigneten sich sehr gut vor allem für die Überweisung von kleineren Beträgen im internationalen Zahlungsverkehr. Auch diese Münzen und Geldscheine wurden eifrig gesammelt und sind heute sehr gesucht.




Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Preis 49 € plus Versandkosten
Bestellungen: esperanto@chello.at

Esperanto ist im Aufschwung. In den letzten drei Jahren meldeten sich über 2 Millionen bei den kostenfreien Esperantokursen von lernu und duolingo an. Parallel dazu steigen auch die Teilnehmerzahlen bei Esperanto-Jugendkongressen.

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9

Haltestelle Herrengasse der U3

☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h

Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die

**Sammlung für Plansprachen**,

die

**Musikaliensammlung** und das **Globenmuseum**

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono